

# Esperanto Hamburg

Hamburga Esperanto-Societo r. a.
Esperanto-Verein Hamburg e.V.

Aprilo / Majo (2) 2012

# Homfarita paradizo

## La insulo Ness-Sand en la rivero Elbe

Foto: H. Markus


**ESPERANTO HAMBURG** ehh

**Eldonanto:** Hamburga Esperanto-Societo r. a.
www.esperanto-hamburg.de

Poŝta adreso:
Klaus-Groth-Str.95
20535 Hamburg
Tel: 0160 / 17 33 980

Konto: GLS-Bank
n-ro: 200 67 16 500
BLZ 430 609 67

**Prezidanto:**
*Jürgen Wulff*
Wandsbeker Chaussee 185 b
22089 Hamburg
wulff@esperanto-hamburg.de

**Redaktoro:**
*Benno Klehr*
Winterhuder Weg 32
22085 Hamburg
Tel: (040) 431 883 47
klehr@esperanto-hamburg.de


## Karaj legantoj,

Hamburga Esperanto-Societo nun havas novan estraron, novan prezidanton, kiu jam antaŭe estis prezidanto (bv legi artikolon).
Germanio nun ankaŭ havas novan prezidanton, pri kiu oni esperas, ke li ne devos demissii kiel liaj pasintaj du antaŭuloj. Li ne estas membro de iu partio. Por li, kiel iama civitano de GDR libereco estas la plej grava celo en la vivo.
Ni en Hamburg pasigis vintron, kiu finfine post 15 jaroj de nove ebligis feston sur la glaciiĝinta *Alster*-lago. Dum semajnfino en Februaro pli ol unu miliono da homoj suriris la glacion kaj ĝuis manĝaĵojn kaj trinkaĵon ĉe budoj, kiuj antaŭ 15 jaroj ankoraŭ staris sur la glacio, sed ĉi-jare staris apude por ke la rubo poste ne troviĝu en la degelonta lago.
Fakte estas eksterordinara impreso, promeni meze sur la lago kaj rigardi la urbon el nekutima perspektivo.
Eble tio estas io, kion ni povas lerni el tiu impreso:
Kiam ni prijuĝas ion, ni foje ŝanĝu la perspektivon por pli klare vidi la faktojn. Tiel ni ankaŭ povos plibonigi la rezultojn de nia poresperanta laboro.

*Benno Klehr*

La kunvenoj de

**Hamburga Esperanto-Societo**

okazas en la

*Kultur-Butiko*

KULTUR LADEN ST.GEORG e.V.

**Alexanderstr. 16**
**20099 Hamburg**

## Sentenco

Malsanuloj konsultas kuraciston - sed la malvarmumintoj vizitas teatron aŭ koncerton!

N.N.

**Redaktofino**
**de n-ro 3/2012: 15-05-12**

**Redaktofino**
**de n-ro 4/2012: 15-08-12**

**Redaktofino**
**de n-ro 5/2012: 15-10-12**

# Sur la insulo Ness-Sand kreskas endemiaj plantoj

La insulo nur ekzistas ekde 1938, sed la tero, aŭ pli ĝuste dirite la sablo, originas el la proksimeco, kie troviĝas loko nomata *Ness*. Origine en la rivero nur troviĝis du malgrandaj insuloj *Hanskalbsand* kaj *Schweinesand*.
De post 1938 oni dragis en *FInkenwerder* flankan brakon de *Elbe*, por krei grandan akvo-surfacon por la apuda fabriko por akvo-aviadiloj. Tiam la ŝipfarejo *Blohm und Voss* ankaŭ okupiĝis pri aviadiloj. En tiu sama loko ankaŭ hodiaŭ estas konstruataj aviadiloj: *Airbus*.
La insuloj en la rivero, kie estis plantitaj arboj jam de komence, en 1952 fariĝis naturrezervejo.
La nova insulo en la rivero inter 1965 kaj 1970 dum pliprofundigo de la rivero estis pligrandigita kaj nun la tri insuloj estas unu 7,5 km longa Ness-Sand.
Nur parto de la naturrezervejo estas libere vizitebla. En la malpermesitaj partoj la naturo povas libere evolui.


Foto: Jacqueline Neubecker


Foto: H. Markus

Specialaĵo en la regiono estas endemiaj plantoj, do kiuj kreskas ekskluzive en tiu regiono:
La *marĉa hargreso* (Deschampsia Wibeliana), germane *Wiebelschmiele* (maldekstre), kaj la *konia enanto* (Ornanthe Conioides), germane *Schierlingswasserfenchel* (supre).
Tiuj plantoj ankaŭ kreskas en aliaj marĉaj lokoj apud la rivero *Elbe*. Komence oni plantis poplojn, aliaj plantoj kreskis el semoj, kiuj surakve flosis al la insulo. La insulo dufoje tage dum flusa tempo parte subakviĝas. Ankaŭ vivas bestoj tie: Krom diversaj akvo-birdoj ankaŭ maragloj, kaprioloj kaj vulpo.
Dum la somero la gardisto de la naturprotektejo vivas en domo sur altaĵo, kiun la akvo ne atingas. Liaj edzino kaj infanoj dum la ferioj rajtas, laŭ speciala permeso de la naturprotekta oficejo, ankaŭ loĝi tie.

## 19. April 2012, 19:30 Uhr • im großen oberen Saal:
## Prof. Dr. Sabine Fiedler
## Von Daumenregeln, gläsernen Decken und Extrameilen

Einflüsse des Englischen auf die deutsche Gegenwartssprache

## Eintritt frei

Sabine Fiedler hat einen Lehrstuhl am Institut für Anglistik der Universität Leipzig.

Außerdem ist sie:
ECTS-Verantwortliche der Philologischen Fakultät [Europäische Bewertung der Studienleistung]
Alumni-Beauftragte des Instituts für Anglistik [Ehemalige]
ERASMUS-Koordinatorin [EU-Bildungsprogramm]

Sie hat mehrere wissenschaftliche Bücher und Aufsätze in Deutsch, Englisch und Esperanto veröffentlicht.
Sie ist Mitglied verschiedener Fachorganisationen.


Foto: Privat

# Nia Programo

Ĵaŭdaj klubvesperoj: en ***Kulturladen St. Georg***
Alexanderstraße 16 • 20099 Hamburg • 19.00 h la membroj kolektiĝas en la kafejo • 19.30 h vespera prelego laŭ la suba programo

Ĵaŭde de 18.30 h ĝis 19.30 h **Paroliga Rondeto:** praktikado kaj ekzercado de la lingvo

## Aprilo

**5** *Bernard Vivier kaj Marie José Behm:* **94a Universala Kongreso de Esperanto en Bjalistoko**
Impresoj de la UK de nia Hamburga-Somero-gastparo el Francio. Filmo: 58 minutoj.

**12** *Alvaro Cortés:* **Lidepa** – facila planlingvo kun radikoj de Esperanto kaj aliaj ses lingvoj

**19** *Sabine Fiedler:* **Deutscher Vortrag**
Bonvolu legi specalan inviton

**20** (Vendredo) *Sabine Fiedler:* **Frazeologio de Esperanto**

**25** Merkredo 18.30 h **Estrarkunveno** (publika)

**26** Diskussionsrunde:
Mittel- und langfristige Zukunft des Vereins (Diskutrondo pri la mez- kaj longtempa estonteco de Hamburga Esperanto-Societo)

## Majo

**3** Amelie Cortés kaj Dominik Grauert laŭtlegas el infanlibro **„Kie ni povas trovi dion?"**

**6** **Europatag in Norderstedt**
11–14 Uhr im Kulturwerk am See (Gartenschaugelände)

**10** Du filmoj: **Conlang** kaj **The universal language**

**17** **Ĉe-Ellen-ir-tago**
16.00 h Kafo kaj kuko en la kulturbutiko

**23** Merkredo 18.30 h **Estrarkunveno** (publika)

**24** Benno Klehr: **Kvanto**
laŭ „ABC-mempraktikilo pri ĉefaj ĉapitroj de la Esperanta Gramatiko g de Ch. De Vleminck kaj E. Van Damme.

**25-28** Gemeinsamer dänisch-deutsch-polnischer Esperanto-Kongress (gleichzeitig 89. Deutscher Esperanto-Kongress) vom 25. bis 28. Mai 2012 in Berlin-Lichtenberg

**31** **Partoprenintoj** de la GEK en Berlino raportas

## Junio

**2** *Sabato:*
**Karin Bouchain invitas: Antaŭa anonco necesa.**
bonvolu legi specialan inviton

**7** *Diskussionsrunde:*
**Mittel- und langfristige Zukunft des Vereins**
(Diskutrondo pri la mez- kaj longtempa estonteco de Hamburga Esperanto-Societo)

# Hamburg-Enigmo



Sur la apuda foto ne estas videbla la marvirineto en Kopenhago, sed tiu junulino sidas en la centro de Hamburg. Sed kie?

**Provizora programo de la eŭropa konferenco**

## Kiel estus Eŭropo hodiaŭ, se ne ekzistus Eŭropa Unio?

**09.05.2012-11.05.2012**
**Salono Beethoven, via Coroneo 15, Triesto**

Lingva reĝimo: Plenkunvenoj estos en tri lingvoj (angla, esperanto kaj itala) (kiam iu parolos angle, la interpretistoj interpretos en la italan kaj esperanton ktp.).
Dum la prelegoj estos uzataj nur du lingvoj, la angla kaj Esperanto.
La laboro en laborejoj estos sen interpretado: unulingva. Kvar studentaj laborejoj estos en la angla kaj unu poresperantista en Esperanto.
Enkonduka parolo de Seán Ó Riain, prezidanto de Eŭropa Esperanto-Unio

Bedaŭrinde tiu informo nur atingis nin post la redaktofino de n-ro 12/1

## Esperanto kennen lernen und gewinnen




Willst Du die internationale Sprache Esperanto kennen lernen? Schau nach bei www.esperanto.de/jubileo und gewinne als neuer Esperanto-Fan ein zweisprachiges Buch.

## Facila Vento www.facila.org/

Tiu retejo por komencintoj ofertas tekstojn verkitajn nur per la 700 plej oftaj radikoj.



Raporto pri la kongreso en Bulonjo 1903 estas ne nur legebla, sed ankaŭ aŭdebla en rapida kaj malrapida legado.

La tekstoj havas diversajn temojn. Enestas fabeloj, historiaj, lingvaj kaj naturscienaj temoj.

## Hamburga Esperanto-Societo havas novan estraron

La jarĉefkunveno de Hamburga Esperanto-Societo elektis la 16an de Februaro 2012 novan estraron.
Prezidanto estas *Jürgen Wulff*, vicprezidanto *Benno Klehr*, sekretariino *Peggy Ley*, kasisto *Volker Kraeft* kaj junulara reprezentanto *Dominik Grauert*.



**De maldekstre: Dominik, Jürgen, Peggy, Benno kaj Volker** (Foto: R. Glomp)

## The New York Times raportas pri Hamburg

Hamburg havas ion mistikan, ravite raportas la New York Times-aŭtoro *Frank Bruni*, kiun la redaktejo sendis al Hamburg. Kvankam li plendas pri ŝtormo kaj pluvo, li laŭdas la urbodomon kiel spirorabe bela, la *Jungfernstieg* kiel majesta.
Eŭforie li mencias la arĥitekturon de la *Havena Urbo* kaj la ekspozicion de maketoj. Li laŭdas la hamburgan kuirarton, kvankam li manĝis vienan eskalopon kaj ne *Labskaŭs*.
Hamburganoj eble estas dankemaj ke li ne mencias la probleman konstruejon *Elbfilharmonio*.
La turo de *Michel* por li ŝajne nur taŭgas por bruligi kaloriojn; pri la signifo de la urba simbolo li nenion skribas.
Eble pro la malbona vetero li ne mencias la havenon aŭ haven-rondveturon; la klubojn en *St.Pauli li ankaŭ ne mencias*.
Ĉu eble li ne plu memoras pri *St. Pauli* ĉar li mem tro multe festis en la diskotekoj kaj amuziĝejoj tie?

*laŭ raporto en Hamburger Abendblatt*

# Novaj projektoj en la havena urbo

Impona novkonstruo estu la nova, 70 metrojn alta centralo de la entrepreno *ECE*, kiu posedas plurajn komercajn centrojn, kaj tie apude planas alian.



Foto: HafenCity Hamburg GmbH



Foto: HCU

La nova *Havenurba Universitato* havu tian aspekton. La konstruado apud la *Magdeburga Haveno* jam komenciĝis per la engrundigo de fostoj.

Ankaŭ apud la *Magdeburga Haveno* estas konstruataj loĝejoj, kiuj aldone disponos pri artistaj atelieroj kaj ekspoziciejoj. Apud la akvo estu gastronomio.



Foto: Garbe Living

# Granda Frato observas vin!

En la romano „1984“ de *George Orwell* tio estis fikcio – Fakte 1984 jam pasis. La realeco en 2012 estas: Granda *Google* observas vin!
Esperantistoj en multaj landoj jubilas kaj fanfaronas: Vidu, eĉ granda Google finfine konstatis, ke Esperanto estas unu el la gravaj lingvoj de la mondo. Pruvo por tio estas la fakto, ke la tradukmaŝino de Google ankaŭ ofertas aŭtomatan tradukadon de Esperanto. Jen: Ni estas gravaj! La fina venko estas tute proksima! ... ĉu?
... La fina trompo estas tute proksima. Antaŭ nelonge *Google* ŝanĝis siajn regulojn pri la sekureco de privataj datumoj. *Google* registras ĉion kion vi faras en Google, Youtube kaj aliaj servoj de Google. Ĝi registras vian IP-adreson, do vian identecon, viajn interesojn, viajn preferojn, vian tutan personecon... Kiucele? Por financi la servojn de Google (nenio estas senkosta) ili vendas sian scion al entreprenoj, kiuj per tiu scio povas pli efektive varbi por siaj produktoj.
Post kiam vi vizitis retpaĝon pri aliaj landoj aŭ interesiĝis pri vojaĝo, vi ricevas oferton de vojaĝagentejo; post kiam vi interesiĝis pri konstruado, vi ricevas varbaĵon por aĉeti domon; kaj kiam vi vizitis seksrilatan retejon vi estas supozeble kliento por vendi pilolojn de *Viagra*.
Se vi ne volas tion, vi eble rigardu alian serĉmaŝinon, kiu ne registras vian IP-adreson aŭ ion alian privataĵon. Unu el tiuj estas eu.ixquick.com.

# Solvo de Hamburg-Enigmo

La blankaj, vespere lumantaj blokoj markas la situojn de la pilieroj de la iama katedralo, kiu estis malkonstruita en 1808 (por ŝpari la riparajn kostojn).
Poste sur la placo estis konstruita Johanneum, nomata *Lernejo de Edukitoj*, poste nomata gimnazio.
Post la dua mondmilito ne estis rekonstruita la lernejo kaj la placo restis uzata kiel parkejo por aŭtoj. En 2006 oni planis tie konstrui novan *Centran Bibliotekon*, sed post protestoj oni decidis aranĝi tiun verdaĵon.



Foto: Klehr




**La kovrilo situos en Bahrenfald (blua)** Foto: BSU

# Kovrilo super aŭtoŝoseo A 7

La urbo Hamburg planas fermi la aŭtoŝoseon A7 per kovrilo, por gajni terenon kaj mallaŭtigi la ĉirkaŭaĵon. La oficejo por urba planado volas konstrui loĝejojn apude kaj pro tio forigi ĝardenojn kaj poste konstrui novajn ĝardenojn sur la kovrilo. Kontraŭ tiuj planoj protestas la ĝardenaj societoj, ĉar ili opinias ke la tero sur la kovrilo ne estos sufiĉe profunda por arboj.
La urbo ĝis nun nur planas kaj ne jam komencis la laboron, sed novaj loĝejoj estas unu el la prioritatoj en la urba planado. Do oni povas supozi, ke la urbo malgraŭ protestoj kaj procesoj fine konstruos la kovrilon.

# 50 jaroj post katastrofo

En Februaro 1962 forta ŝtorma fluso inundis grandan parton de la urbo Hamburg; unu kvinono de la urba tereno subakviĝis. Mortis 340 homoj. En 2012, 50 jarojn post la katastrofo, Hamburganoj memorigis pri la viktimoj en la granda preĝejo de *S-ta Mikaelo*.
En la granda enireja halo de la urbodomo, en Hamburg-Muzeo, en la muzeo de elmigrintoj, en Wilhelmsburg kaj Finkenwerder estis instalitaj ekspozicioj pri la granda inundo kaj la ĝenerala situacio de la urbo, kaj kion oni faras por eviti tian katastrofo estonte. Fakte ĉie en la urbo apud la akvo oni vidas ke io estas konstruata.



**Novaj protektaj muroj apud la haveno** Foto: B. Klehr

En la reto oni trovas filmojn pri la inundo en 1962:
http://www.youtube.com/watch?v=hmnYsPp5pC0&feature=related
kaj
http://www.youtube.com/watch?v=6EPbCeYLm4w

*Ĵaŭdon*, 10an de Majo 2012: ***Du filmoj***:

1. **Conlang**

La usona reĝisorino *Marta Masferrer* kreis 15-minutan filmon, en kiu konstruitaj lingvoj havas gravan rolon - kaj la ĉefa aĉulo estas esperantisto.

2. **The universal language**

La nova filmo de la konata usona reĝisoro *Sam Green* (Sam = Zamenhof, Green = koloro de Esperanto) pri kvar utopioj, el kiuj unu estas Esperanto.
Tiu-ĉi filmo estis montrita ĉe Universala Kongreso en Kopenhago. 30 minutoj.

Ambaŭ filmoj kun Esperanto-subtitoloj.

---

*Sabaton,* 2an de junio 2012:

## Karin Bouchain invitas nin

### al vegana varma- malvarma antaŭtagmanĝo al sia loĝejo en Krupunder.

Karin bakos kaj kuiros por ni, sed tamen ŝi bezonos nian helpon en la kuirejo kaj eble ĉe aĉetado de manĝaĵoj kaj ŝi petas donacon de tiuj, kiuj ne povas kunporti ion. Se la vetero estas bona ni povas festi en la ĝardeno (kaj se vi kunhavas vian bankostumon vi povas uzi la naĝejeton).

**Antaŭa anonco necesa.**

# Skeletoj sub komerca ĉambro

En la kelo de la konstruaĵo de la komerca ĉambro en Hamburg, kie kutime parkas la aŭtoj de dungitoj, laboristoj, kiuj devis fari riparojn por forigi malsekaĵon el la planko, trovis skeleton en la grundo.
La vokita polico en instituto ekzamenigis la ostojn kaj post mallonga tempo konstatis, ke ne temis pri krimo, sed pri restaĵoj de mezepoka tombo.
La arĥeologoj sciis, ke en la loko de la nunaj komerca ĉambro kaj urbodomo ek de la 13a jarcento troviĝis franciskanaj monaĥejo kaj preĝejo. Apude ankaŭ troviĝis la tombejo de la monaĥoj.
En tiu loko sub la komerca ĉambro oni nun retrovis restaĵojn de preĝejaj pilieroj, kiuj estis baze stabiligitaj per pinaj fostoj en la marĉa grundo apud la rivero *Alster*.
Pro la malsekeco la ligno bone konserviĝis. La ĉefo de la komerca ĉambro planas kovri la lokon per vitra planko por ebligi estonte prezenti la historian grundon al gastoj. Nun apude estas konstrata nova domo, kaj oni atendas novajn trovaĵojn.




**La monaĥejo en bildo 1570**

# Giganta araneo *Maman*

Ĉiu el la ok gamboj pezas 1,2 tunojn kaj atentigas pri la ekspozicio „Passage Dangereuse“ de la franca artistino **Louise Bourgeois**.
Por ŝi la araneo estas memoro pri sia patrino, kiu lerte restaŭris tre valorajn tapiŝojn, kvazaŭ teksanta araneo. Tiu araneo ne donu teruran senton, sed agrablan senton de prizorgado.
La 9 metrojn alta araneo *Maman* jam antaŭe estis montrita en *Novjorko, Hongkongo, Peterburgo, Otavo, Bilbao* kaj *Zuriko*.



**Maman en Zuriko** Foto: Vikipedio

Ĝis la mezo de Junio eblas en la ***Hamburga Artohalo*** rigardi skulptaĵojn, instalaĵojn, gravuraĵojn kaj teksaĵajn kreaĵojn de la artistino, kiu vivis en Usono kaj mortis 98jara en Majo 2010.



**Bonvenigaj manoj** Foto: Pierre MM